20 — a JARO JANUARO — JUNIO 1929 N. 1 — 6

# Brazila Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4356, 26 Oktobro 1921**

**Respondeca redaktoro (redactor principal) s-ro Carlos Domingues**

REDAKCIO — Praça 15 de Novembro, 101

RIO DE JANEIRO — BRAZILO



RIO DE JANEIRO — Funde oni vidas la faman monton Corcovado, sur kies pinto estas konstruata impona monumento al Jesuo Kristo

## BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

(Liga Esperantista Brasileira)

B. L. E.

(*Reconhecida de Utilidade Publica pelo Decreto n.* 4356, *de* 26 *de Outubro de* 1921)

Unuiĝo Kreas Forton

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez.* — D-ro Everardo Backheuser
*Hon. vic-prez.* — D-ro Venancio da Silva
*Prezidanto* — Inĝ. A. Couto Fernandes
*Vicprezidanto* — D-ro Carlos Domingues
*Ĝenerala sek.* — Inĝ. L. Porto Carreiro Neto
1ª. *sek.* — S-ro Odillo Pinto
2ª. *sek.* — F-ino Yrany Baggi de Araujo
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet

---

## GRUPOJ ALIGINTAJ AL "B. L. E"

1. BRAZILA KLUBO "ESPERANTO". (1906) Sidejo: *Praça* 15 *de Novembro*, 101, *Rio de Janeiro*.
2. VIRINA KLUBO, (1912) Sidejo: *Praça* 15 *de Novembro* 101, *Rio de Janeiro*.
3. GRUPO ESPERANTISTA "COUTO FERNANDES". (1914). Sidejo: *Rua Collares Moreira*, 116. *S. Luiz do Maranhão*.
4. NOVA SAMIDEANARO. (1919). *Tristão Gonçalves*, 55. *Fortaleza*. *Ceará*.
5. ESPERANTISTA RONDETO "VERDA STELO". (1919). *São Bonifacio. Correio de Therezopolis, Sta. Catharina*.
6. VERDA STELARO. (1920). *Rua Marquez de Caxias*, 538. *Pelotas. Rio Grande do Sul*.
7. GREMIO ESPERANTISTA EVERARDO BACKHEUSER. (1923). *Sete Setembro*, 116-1°, *Porto Alegre. Rio Grande do Sul*.
8. BRAZILA KLUBO ESPERANTISTA DE MEDICINO-STUDENTOJ. (1924) *Fakultato de Medicino. Praia Vermelha. Rio de Janeiro*.
9. POPULARA ASOCIO ESPERANTISTA. (1924). *Rua Ruy Barbosa*, 150 D. *São Paulo*.
10. SUD-BRAZILA ESPERANTISTIGILO". (1927). Sidejo: *Rua dos Andradas*, 1431. *Porto Alegre. Rio Grande do Sul*.
11. MONTARA ESPERANTO-KLUBO. (1927). *Grão Mogol*, 197. *Bello Horizonte. Minas Geraes*.
12. SERVIÇO DE ESTATISTICA GERAL DO ESTADO DE MINAS GERAES. (1929). *Secretaria da Agricultura. B. Horizonte. Minas Geraes*.

## Pedagogia Kongreso en Ĝenevo

De l' 25 julio-4 aŭgusto 1929 okazos en Ĝenevo la 3ª Kongreso de la Mond-Federacio de l'Edukaj Asocioj en kunlaboro kun la Internacia Eduka Oficejo.

Esperanto okupos sufiĉe gravan lokon en tiu ĉi aranĝo. Dro. Privat, hon. prezidanto de I. C. K., estas invitita fari en ĝi raporton pri Esperanto. Li samtempe reprezentos ICK kaj UEA. — Konsiderante la grandan graveco de tiu ĉi kongreso por nia afero en rondoj de pedagogoj, ICK laŭ propono de TAGE decidis unuanime alvoki al ĉiuj instruistoj-esperantistoj nepre veni al Ĝenevo, rezignante ilian partoprenon en nia Universala Kongreso en Budapest.



## Internacia Esperanto-Muzeo

La Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno laŭ konfirmo de la Nacia Biblioteko en Vieno estas do sub ties kontrolo kaj la dirita biblioteko zorgos pri la aferoj de la muzeo. La malfermo de la muzeo okazos la 30an de julio 1929 en la festsalono de la Hofburg, la iama imperiestra kastelo. De 1929 la legejo disponas al la samideanoj la plimulton de la esp. gazetaro. Personoj kiuj volas pliriĉigi la korektojn de la muzeo povas sendi objektojn, al la suba adreso. La nomoj de la donacintoj estas publikigotaj. Ĉiu sendaĵo estas konfirmota per dankletero kaj unu ekzemplero de gvidlibro en Esperanto pri Vieno kaj Malsupra Aŭstrio. Unua Esperanto-Unuiĝo en Vieno decidis donaci sian riĉan bibliotekon kaj arkivon al la muzeo. Aliaj sekvu!

Adreso: Internacia Esperanto muzeo, Annagasse 5, Wien I.

Por la Loka kuratora Komitato: Hugo Steiner, prez.



## Instituto J. J. Rousseau, Ĝenevo,

aperigas en Internacia Pedagogia Revuo (n.° 8, 1928) studon pri vortofteco en diversaj naciaj lingvoj kaj en Esperanto. La studo esploras la rilaton inter tiu vortofteco kaj la vortoj uzataj en Esperanto-lernolibroj. Al Instituto J. J. Rousseau ĝi servos speciale por starigo de internaciaj testoj; al ĉiuj, kiuj instruas Esperanton aŭ verkas lernolibrojn, ĝi povas utili iamaniere.

La kajero de I. P. R. estas aĉtebla por 2 respondkuponoj ĉe: Administrejo — M. Goldberg, Leipzig S. 3. Frohburgerstr 68 p.

# BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

20 - a Jaro — Numero 1 - 9

| | | |
|---|---|---|
| Aliĝo al B. L. E. 5$000<br>Eksterlande Sv. fr. 4 | Januaro - Junio 1929 | REDAKCIO — Praça 15 Novembro, 101<br>RIO DE JANEIRO — BRAZILO |


## Brazilo ĉe la 21a. Universala Kongreso de Esperanto

*La brazila registaro ĵus komisiis D-ron Carlos Domingues por ĝin reprezenti ĉe la 21a. Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en la hungara ĉefurbo D-ro Carlos Do-*



D-ro Carlos Domingues

*mingues estas malnova esperantisto, vicprezidanto de Brazila Ligo Esperantista, prezidanto de Brazila Klubo Esperanto kaj ĉefdelegito de U. E. A. en nia teritorio.*

*Jam diversajn fojojn nia lando estas oficiale reprezentita ĉe tiuj esperantistaj kunvenoj, kaj D-ro Carlos Domingues ĉeestis, en la nomo de nia registaro kaj de nia Ligo, la 18an. realiĝintan en Edimburgo. Ĉe aliaj kongresoj de Esperanto Brazilo komisiis: Prof-ron Everardo Backheuser kaj D-ron J. B. Mello e Souza, kiuj estas sindonaj unuahoraj samideanoj, kaj Drojn Vieira Souto kaj Agenor de Miranda, simpatiaj al nia movado.*

*La estraro de B. L. E. dankas al iliaj ministraj moŝtoj de la Internaj kaj de la Eksteraj Aferoj, S-roj D-roj Vianna do Castello kaj Octavio Mangabeira, la reprezentadon de nia lando ĉe la 21a. Universala kaj la helpon, kiun ambaŭ donis al nia delegito. Ni, samlandaj esperantistoj, gratulu nin pro tiu grava subteno; ni, tutmondaj samideanoj, ĝoju pro la registaraj helpoj de ĉiuj nacioj al niaj frataj kunvenoj.*

———⊙———

## GRAVA ALIĜO

*Ĵus aliĝis al* Brazila Ligo Esperantista *la "Ĝenerala Statistikservo de Ŝtato Minas Geraes" (Serviço de Estatistica Geral do Estado de Minas Geraes), kies direktoro, D-ro Teixeira de Freitas, persone aliĝis al* Montara Esperanto Klubo.

*El letero, esperante redaktita, de li sendita al la ĝenerala sekretario de B. L. E., ni elĉerpis la jenon:*

*"Efektive ni alprenis Esperanton por nia eksterbrazila korespondado; tamen ankaŭ ni pretendas ke la tekstoj de niaj estontaj eldonaĵoj estu duoble redaktitaj — en Esperanto kaj en portugala lingvo.*

*Tiel ni agis, ĉar ni deziras iĝi malgranda ero de la entuziasma kaj belega* Esperanta Movado, *kiu, disvastigante la "Internan Ideon de Esperantismo", dissemadas tra la mondo la interkompreniĝon de l'popoloj, la amikecon de l'nacioj, la pacan idealon de l'homaro."*

*Poste D-ro Teixeira de Freitas decidis eldoni gvidlibreton pri Ŝtato Minas Geraes.*

*La nuna prezidanto de tiu Ŝtato estas D-ro Antonio Carlos, kiu en* 1914 *ricevis de la 4a. Brazila Kongreso de Esperanto la titolon de Bonfarinto de Esperanto en Brazilo kaj kies portreto honoras la sidejon de nia Ligo.*

## BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

Je la 31a de Majo okazis ĝenerala kunsido de B. L. E. por balotado de ĝia nova estraro kaj aliaj aferoj. Ĉeestis estraranoj de *Brazila Klubo "Esperanto"* kaj *Virina Klubo,* la reprezentantoj de ŝtataj grupoj kaj izolitaj anoj. La sekretario legis la protokolon de la lasta kunsido, kiu estas aprobita. La prezidanto legis sian raporton kaj la kasisto sian bilancon rilatajn al la du lastaj jaroj. Estas elektita komisiono konsistanta el- F-ino Esther Bloomfield kaj S-ro Ismael Gomes Braga por kontroli la kontojn de la kasisto.

Poste estas reelektita la estraro, kiu konsistas el la jenaj personoj: Prez., Inĝ. Alberto Couto Fernandes; vicprez., D-ro Carlos Domingues; ĝen. sek., D-ro Luiz Porto Carreiro Neto; unua sek., S-ro Odillo Pinto; dua sek., F-ino Irany Baggi de Araujo kaj kas., S-ro E. Felix Tribouillet.

S-ro A. Couto Fernandes, em sia nomo kaj en la nomo de siaj kunestraranoj, dankis la reelekton de la tuta estraro. D-ro Porto Carreiro Neto, ĝenerala sekretario, legis proponon pri la 9a Brazila Kongreso de Esperanto. Estas aprobite ke la estraro de B. L. E. elektu la plej konvenajn daton kaj lokon por la efektivigo de tiu kongreso. Oni laŭdis S-ron D-ron Teixeira de Freitas, direktoron de "Ĝenerala Statistikservo de Ŝtato Minas Geraes", pro liaj gravaj laboroj por Esperanto.

Estas aprobita propono pri kondolenca deziresprimo pro la morto de diversaj anoj de la Ligo.

Finante S-ro prezidanto sciigis ke ĉiuvendrede okazos kunveno de la estraro kaj montris la deziron ke la anoj vizitu sidejon precipe marde kaj sabate.

---

## 21-a Universala Kongreso de Esperanto

2-a — 9-a *de aŭgusto* 1929

BUDAPEST

*Flagoj, naciaj kostumoj.* Ni jam nun petas la partoprenontojn, ke ili kunportu naciajn kaj esperantajn flagojn por elmeti ĉe ilia loĝejo aŭ porti dum promenado demonstracia. Ankaŭ kiu havas nacian vestaĵon, bonvolu kunporti ĝin ne nur por la kostumbalo, sed ankaŭ por porti dum kelkaj okazoj, promenadoj, malferma kunsido, ktp. Nacia kostumo, precipe en Hungarujo, seriozigas la festojn, fantazia havus kontraŭan efikon!

*Teatra vespero.* Oni projektas tri unuaktajn teatraĵojn. Unu originalan drameton de Baghy, unu viglan kun muziko kaj unu komedieton. Ni ripetas, la pli bonaj sidlokoj estos rezervataj laŭ alveno de la aliĝoj.

*Blindula kongreso.* Ĝi estos memstara kaj zorgas aparte pri siaj membroj. Ni nur anoncas, ke ties partoprenontoj ricevos plenan gastigon de blindulinstitutoj kaj la kongreso de la blinduloj — okaze de la 25-a jubileo de la blindula Esperanto-movado — jam nun montriĝas, kiel plej granda ĝisnuna laŭ la aranĝoj kaj laŭ la nombro de la partoprenontoj!

*Karavanoj.* Oficialajn karavanojn aranĝos — kun ĉiuj elspezoj enkalkulotaj — UEA kaj ankaŭ la Esperanto-Fako de R. Mosse, Berlin.

*Albumetoj* kun 10 artaj fotopoŝtkartoj pri Budapest teksto ankaŭ en Esperanto P 2.50. 10 artaj fotopoŝtkartoj pri Budapest aŭ el la vilaĝa vivo P. 2. inkluzive sendkosto.

La menditaĵojn la L. K. K. ĉiam tuj forsendas post ricevo de la mono.

*Afiŝo pri Budapest.* — La foiro de Budapest eldonis en diversaj lingvoj, ankaŭ en Esperanto, grandan afiŝon, montrante lokomotivon direktiĝante al Budapest. La afiŝo do bone taŭgas ankaŭ por la kongresa propagando. Oni povas peti ĝin de la Foiro-oficejo Budapesti Vasár, V. Alkotmany-u. 8. La foiro ankaŭ sendas al la petantoj senpagan esperantan prospekton pri Budapest, kalendaretojn kaj glumarkojn. Uzu ĝin por propagando.

---

## Akademio kaj Lingva Komitato

REZULTATOJ DE LA DIVERSAJ BALOTOJ

(MAJO 1929)

I. Elektoj en la *Lingvan Komitaton*:

Estas elektitaj: — S-roj *Bailey (T. G.)*: 98 voĉoj; *Göhl*: 96; *Hohlov*: 95; Mazzolini, Privat, G-alo Sebert: 94; *Nekrasov*: 93; *Spiridoviĉ*:92; Simon: 90; *Esselin,* Stojan: 89; Kühnl, Shafer (F-ino): 88; Villanueva: 87; *Rublev*: 85; *Demidjuk*: 84.

La *ok* nomoj substrekitaj estas tiuj de la novaj membroj.

II. Elektoj en la *Akademion*:

Estas elektitaj: — S-roj Baghy: 74 voĉoj; Setälä: 61; Stamatiadis: 57.

III. Pri la *Kvara Aldono*:

Aprobis ĝin: 83. — Malaprobis: 24. — Ne voĉdonis: 6.

Kelkaj L. K. anoj sendis rimarkojn, kiujn ekzamenos tre atente kaj zorge konsideros Prof. Grosjean-Maupin, Direktoro de la Sekcio "Komuna Vortaro".

La *Aldono* aperos en Junio-Julio 1929.

IV. Pri la *prefikso*: *"mis"*:

Ĝia signifo estas *severe limigata* al la senco: *erar—, malĝust—, malbon—*.

Aprobis la oficialigon: 72. — Malaprobis ĝin: 30. — Ne montris sian opinion: 2.

Sekve, la prefikso: *mis—* fariĝas de unu *oficiala* laŭ la supremontita senco.

V. la *modifoj* en § 11 de l'*Regularo*:

Forigo de la linioj 3 kaj austataŭigo (lin. 5) de *"Estraro"* per *"Akademio"* estas aprobitaj per 98 kaj 109 kontraŭ 14 kaj 3. Ne voĉdonis: 1.

Atestantoj: La Prezidanto:

*R. de Lagarte — M. Anger.* *Th. Cart.*



## Statuo de Kristo sur la pinto de Corcovado (1)

En la jaro 1930 estos inaŭgurata en Rio de Janeiro, ĉefurbo de Brazilo, sur la pinto de l'fama monto *Corcovado,* grandioza statuo de Kristo.

Ĝi estos alta 30 metrojn sur bazo alta 10 metrojn, en kies interno estos kapelo por ĉiama adorado. La monto, kiu estas alta 710 metrojn super la maro, estas impona natura bazo por la monumento al la Savinto de l'Mondo.

Ĝi estos el subferigita cemento kaj kovrita per mozaiko.

La statuo, kiun ellaboris la fama skulptisto Paul Landowski, reprezentas Kriston starantan kun la brakoj horizontale distenditaj, formantaj kun la trunko grandega kruco. La distanco de la ekstremaĵo de unu mano al tiu de la alia estas 28 metra.

Ĉar la pinto de l'monto ne estas larĝa pli ol 14 metrojn, granda parto de la brakoj kaj la tutaj manoj ĝin transpasos kaj staros 740 metrojn super la maro.

La tuta monumento pezos du milionojn da kilogramoj.

Oni povos eniri en la internon de l'statuo kaj iri ĝis la ekstremaĵoj de l'brakoj. La kapo povos entenis samtempe 40 personojn.




Monumento al Kristo

Direktas la konstruadon de l'monumento la brazila inĝeniero Heitor da Silva Costa.

La prezidanto de la Granda Konstruada Komitato, kiu ankaŭ kolektis la necesan monon, estas Lia Ekscelenca Moŝto, D. Sebastião Leme, ĉefepiskopa kunhelpanto de Rio de Janeiro, kiu ĉiam sin montris simpatia al Esperanto, kaj vicprezidanto Monsinjoro Luiz Gonzaga do Carmo, papa protonotario kaj paroĥestro de N. S. Gloro, kiu subskribis la alpeton por Esperanto senditan de brazilaj eminentuloj al la Ligo de Nacioj.

*A. Couto Fernandes.*

(El "Espero Katolika").

(1) Legu "Korkovado".

## LA AVINETO

La stacidomo de Karmo estis plenplena je personoj, kiuj atendis tramveturilon irontan al Recife.

Perdita meze de tiu personaro iu malriĉa mizeraspektanta maljunulino kurbigita de la jaroj — restaĵo de vivo — fikse rigardadis ian ludilmontrejon, kie oni ekspoziciis infanajn ludilojn.

Kiu ŝin priatentus, imagus eble, ke ŝi revenas al sia infaneco, vidante tiujn ridetantajn pupetojn, vivigantajn en ŝia penso dolĉajn rememorojn — tiun lumpulveron, kiun lasas al ni la pasinta tempo.

Kiom da fojoj la okdekjarulo, jam kuŝanta sur la mortlito, kun la okuloj fermitaj al la estanteco, klinîgante sur la estinteco, pere de la flugiloj de la saŭdado — ridanta eklumo ĉe la malĝoja solejo de la maljuneco — kiom da fojoj, kun intimaj plezuroj, li alflugigas la penson al la blueco de la ĉielo de sia infaneco kaj sin donas al la petolaĵoj de tiu ridanta aĝo! Sed ne okazis tial rilate tiun maljunulineton.

Apogante sin sur bastono, jen ŝi parolas al mi: "Sinjoro mia, ĉu vi donas al mi kvincent rejsojn? Mi nur havas la monon por pagi la tramveturilon".

Vole nevole kaj sciema por vidi, kion ŝi estas faronta, mi metis en ŝian ĵetitan grasegan manon la petitan monon.

Ŝi alproksimiĝis al la montrejo, de kie ŝi tuj revenis kun eldrapa pupo — la plej estimata ludilo de la infaninoj.

Kaj, alifoje apud mi, ŝi klarigis:

— Aŭdu, sinjoro mia; mi havas nepineton, kiu havas min pli kiel patrinon ol kiel avinon. Neniel ŝi volas esti malproksime je mi.

Mi loĝas malproksime, sed ĉiutage mi devas iri tien vidi ŝin, ĉar la patrino sciigas al mi: "Nevinha ploras, alvokante sian avineton!"

Kaj mi, sinjoro mia, forlasas ĉion por kontentigi la volon de mia nepineto, ĉar nenio estas en la mondo, kiu pli plezurplenigas la koron de la maljunulo ol aŭdi la voĉon de iu karulo, kiu alvokas lin... Kaj la amo de niaj nepoj, sinjoro mia... Vi baldaŭ ĝin sentos... Kiam vi mulsupreniros la monton de la vivo, kiam vi vivos de la amo de viaj nepoj, amante ilin, vi sentos, ke vi vin amas al vi mem, tial ke la nepoj, sinjoro mia, estas faritaj el la koro de siaj geavoj.

Kaj montrante al mi la pupon, ŝi finiĝis:

Kaj mi ne povas veni por kisi mian nepineton ne alportante al ŝi ian donaceton".

Kaj alifiguriĝinta pro la grandeco de sia amo — sankta amo, amo de dufoja patrino — tiu maljunulineto venigis en miajn okulojn saŭdadan larmon pri tiu, kiu kuŝas eterne ĉe la preĝejeto de la kanmuelejo Brejo — la patrino de mia sankta patrino.

*Sebastião de Albuquerque.*

Olinda — 1928.

—⊙—

## LA EKSOFICIGO DE LA MONAĤESTRO

De kelka tempo jam ne plaĉis al la kapucenoj de iu monaĥejo en Rio de Janeiro la rigorega disciplino de ilia estro, severa kaj tre zorgema provincano. Iutage en ilia rondo komenciĝis granda interkonsiliĝo. La plej ekzaltita diris:

— La plendoj estas senfruktaj! Estas necesaj decidemo kaj firmeco!

— Kion ni povas fari? — kelkaj demandis.

— Ni eksoficigu la prioron!

— Tio estus ribelo!

— Ne grave! Ni iru ĉiuj; la maljunulaĉo ekstremos antaŭ nia sentima aspekto kaj fine devos cedi al la forto. Ni iru!

— Kiam?

— Nun, tuj!

— Mankas al ni iu ĉefo: kiu parolos por ni?

— Mi!

— Do antaŭen! — ĉiuj ekkriis.

— Atendu: promesu, antaŭ ĉio, subteni miajn vortojn kaj helpi min en ĉia cirkonstanco!

— Ni promesas!

— Nu, bone, sekvu min.

Ekiris, kun granda entuziasmo, la tridek monaĥoj, ĝis la pordo de la prioro, kie ilia reprezentanto frapis forte.

— Kiu estas?

— Mi..., aŭ plibone, ni, via priora moŝto.

La monaĥestro malfermis la pordon kaj akretone demandis ankoraŭ el la interno de la ĉambro:

— Kion vi deziras?

— Ni venis deklari, ke via priora moŝto ne estas plu nia direktoro, ĉar vi estas eksoficigita!

— Eksoficigita? Kiu eksoficigis min, je kies nomo? — demandis la maljunulo antaŭenirante unu paŝon.

— Mi, je mia nomo kaj je tiu de tiu ĉi tuta aro!...

Kaj, kiam, etendante la brakon por montri ŝiajn kunulojn, li vidis sin tutsola kaj forlasita, li rerigardis nekonfuzite la monaĥestron kaj diris ridetante:

— Konfesu, via priora moŝto, ke mi faris al vi malagrablan surprizon!

La monaĥestro ankaŭ ridis kaj respondis:

— Jes,... jes..., sed ne faru alian! Foriru!

El la kronikoj de la urbo adaptis en Esperanto.

Porto Carreiro Neto.

# EL LA VIVO DE FILOZOFO

Mirinda fakto ripetiĝas en la historio ne nur de homo sed ankaŭ de popoloj: Grandaj efikoj el kaŭzoj malgrandaj. Travivaĵoj estis tiaj kaŭzoj en vivo de eminenta aŭstrujano. Lia vivo estis tia kaŭzo en la pedagogio aŭstruja.

D-ro A. Th. Tluchor-Sonnleitner, filo de fervojlaboristo, spertis, ke alkoholemo de patro povas tute detrui la bonstaton de familio; efiko: li kontraŭbatalas ĝin. Estante studento li vidis, ke malfortaj manoj de knabino povas vivteni familion, se persistemo kaj diligento movas ilin; sekvo: diligentege kaj persiste li ekstudis. La efiko baldaŭ montriĝis:

Privataj lecionoj ne mankis. Ses lingvojn li lernis. Instruisto li estiĝis, en akademioj kaj universitato ekstudis, doktoriĝis. Manpraktikulo li ĉiam estis, nenian laboron evitis. Regate de arda amo al homoj mizeraj, helpon bezonantaj, la modela pedagogo esploris la kaŭzojn de mizeriĝo de lernejanoj; sekve li ekokupis sin per lerneja higieno. Aŭstrujo dankas al li la enkondukon de gepatraj konferencoj, de kontrola komisiono por infanliteraturo, kinematografan reformon, fondon de kelkaj infanŝirmaj unuiĝoj, modelan lernejan literaturon. Ĉi lastan karakterizas, krom klara sugestforta skribmaniero, la konstanta instigo al praktika agado, firma volo, delikata nobla sentmaniero kaj homama komprenemo. La verkoj inspiras la junularon al memedukado kaj el ĝi rezultanta vivĝojo. Krome igas ilin instruaj kaj interesaj la multaj naturpriskriboj, kiujn majstre enplektas la multe vojaĝinta aŭtoro.

La eminentulo mem deziris, ke lia ĉefa verko, la kulturevolua romano "La Kaverninfanoj", estu tradukata Esperanten, kies germanlingva originalo em 10 jaroj devis esti 73 foje eldonata. La esperanta tradukaĵo estos transdonata al li publike okaze de lia 60jara naskiĝfesto. — Adreso por informoj kaj gratuloj: Aŭstria Esperanto-Instituto, Wien V., Kohlgasse, 36, Aŭstrujo.

Ankaŭ ni gratulas.

# NEKROLOGO

## S-RO DOMINGOS PERDIGÃO

La 5an de Januaro mortis en S. *Luiz do Maranhão* la malnova kaj fervora esperantisto S-ro Domingos de Castro Perdigão, ĉeffondinto kaj prezidanto de Grupo Esperantista "Couto Fernandes".

Li fariĝis esperantisto antaŭ 15 jaroj kaj ĝis sia morto li laboris por Esperanto. Li estis delegito de nia Ligo en Ŝtato Maranhão okaze de la 6a kaj 8a Brazilaj Kongresoj de Esperanto kaj ĉeestis la 7an, kiel oficiala reprezentanto de la registaro de Ŝtato Maranhão. Li instruis Esperanton ĉe Jura Fakultato kaj Komerca Akademio kaj verkis artikolojn por la lokaj ĵurnaloj.

Kiel ŝtata oficisto, li fariĝis Direktoro de la Ŝtata Biblioteko.

Li estis unu el la fondintoj de Jura Fakultato, kie li okupis la oficon de sekretario.

Pacon al liaj cindroj!

Korajn kondolencojn ni sendas al lia familio.

## S-RO JOSÉ MACHADO TOSTA

Alian perdon suferis ankaŭ lasttempe la brazila esperantistaro pro la morto de S-ro José Machado Tosta, tre malnova esperantisto kaj telegrafoficisto.

Li apartenis al la estraro kaj konsilantaro de B. K. E. kaj al la Organiza Komitato de la 5a Brazila Kongreso de Esperanto. Kiel profesoro aprobita, li instruis tiun ĉi lingvon ĉe la Spirita Federacio, kies ano li estis, kaj en la publika lernejo "Orsina da Fonseca". Multajn artikolojn pri "Esperanto kaj Spiritismo" li publikigis en la ĵurnaloj el la Brazila Ĉefurbo kaj Ŝtatoj Rio de Janeiro, S. Paulo kaj Minas Geraes.

Al lia familio ni sincere kondolencas.



**S-ro John Merchant**

La nuna prezidanto de Internacia Centra Komitato (I. C. K.), kiu estas ankaŭ prezidanto de Brita Esperantista Asocio.

## A VERSIFICAÇÃO EM ESPERANTO

O amor dos Esperantistas — principalmente o dos "freŝbakitaj" — pelo idioma segundo, por esse que, muito mais do que mero idioma, é uma idéa merecedora dos melhores esforços, vai até o fazer poesia metrificada e rimada nessa lingua. O enthusiasmo por uma idéa leva muitos individuos a actos de heroismo, que póde ser em alguns casos considerado como verdadeiro sacrificio. Empolgado pelo sentimento inteiramente novo e inedito para elle, o espirito arroja-se até limites que elle mesmo não póde precisar. Não só entre os meus patricios que, sendo bons brasileiros, fazem versos sem terem nascido poetas, como entre os estrangeiros, acontece esta cousa mais admiravel: quem nunca fez versos no vernáculo, começa a versejar em Esperanto, como se este não fosse um idioma como outro qualquer.

A poesia tem este singular caracter duplo: cousas pequeninas, demasiado pequenas para encherem uma tira de papel, dizem-se numa quadra, em duas ou tres mesmo, e toda a gente acha a composição interessantissima; por outro lado, quando a tira é demasiado infima para conter a epopéa duma prosa em louvor ao ser adorado, ou a algum facto notavel, então essa mesma tira comporta bem todo um poema, que ainda tem a vantagem de deixar margens de ambos os lados. Se o louvor, além de ser escripto em verso, é redigido em lingua estrangeira, nesse caso, elle cresce de ponto: é uma especie nova de musica, que o ouvido ainda não percebera; e a novidade, no caso vertente, sobretudo porque não é bem comprehendida pelo commum dos mortaes, tem o sabor esquisito duma revelação. E o admirador não se contém: improvisa-se poeta.

Mas o Esperanto possue poesias magnificas e poetas nascidos, e que poetas incomparaveis! Quem nasceu poeta e se tornar esperantista, fará o deleite dos seus samideanos compondo tambem dithyrambos na lingua auxiliar. Porque o espirito não tem idioma, e é capaz de apresentar o seu pensamento sem uma syllaba, nem qualquer symbolo de não importa que natureza. Ora, áquelles que têm propensões á poesia, — diriamos em Esperanto: aos "poetemaj" — basta, para a comprehensão da arte de versejar, ler as composições dos nossos bons poetas da lingua internacional. Ha tratados sobre a materia, como os ha até de arte culinaria; entretanto, ninguem poderia fazer versos com o simples contar dos "pés", afim de não quebrar o pé do verso, pois acabaria quasi certo mettendo os pés pelas mãos.

*

* *

O systema de versificação em Esperanto é analogo aos systemas grego e latino, de syllabas *longas* e *breves*. O verso no idioma auxiliar conta certo numero de syllabas *fracas* e *fortes*, formando o chamado *pé*: combinação duma forte com uma ou duas fracas. Na prosa, lendo-se cada palavra de certo numero de syllabas, tem-se a tendencia natural de accentuar umas e baixar o tom de voz em outras; assim, na palavra "Esperanto", o unico grupo forte é *ran* (poderiamos dizer por maior commodidade: syllaba, embora *ran* contenha parte da syllaba anterior e parte da seguinte). Mas ha outras palavras com mais de uma syllaba accentuada, ex.: *malfeliĉulo*, cuja syllaba tonica é *ĉu*, mas que contém outras syllabas tambem accentuadas; assim, póde ler-se accentuando *mal*, descansando em *feli*, depois dando a tonica em *ĉu*, e terminando com a syllaba final *lo* no mesmo tom de voz que *feli*. Entretanto, note-se que se póde

pronunciar tambem accentuando em primeiro logar *fe*, passando pela primeira syllaba *mal* sem a accentuar, e para o resto do vocabulo, do mesmo modo que da primeira maneira de pronuncial-o.

Se designarmos por um traço ( — ) as syllabas fortes, e por um ponto ( . ) as fracas, o exemplo dado póde exprimir-se dos dous modos seguintes:

— . . — .   ou   . — . — .

*mal fe li ĉu lo*   ou   *mal fe li ĉu lo.*

Mesmo nas palavras compostas, onde cada parte tem sua syllaba tonica, póde accentuar-se ás vezes de dous modos, ex.: *lernolibro*, póde receber o accento: ou nas duas syllabas *ler* e *li*, ou sómente nesta, sendo toda a palavra *lerno* um tanto muda; segundo a convenção poderiamos escrever:

— . — .   ou   . . — .

*ler no li bro*   ou   *ler no li bro*

Os monosyllabos são ou não fortes, conforme o verso; veja-se o primeiro verso do hymno "La Espero":

*"En la mondon venis nova sento"*

— . — . — . — . — .

onde *en* é forte e *la* é fraco.

Temos acima exemplo dum verso composto de pés *trocheus* (uma syllaba forte e outra fraca); esse verso tem, portanto, cinco pés, que se podem contar e cantar como um solfejo: batendo e elevando a mão, alternativamente, num compasso binario.

Compasso ternario encontramos nos versos de pés *dáctylos*, ex.:

*"Laŭte prediku pri paco"* (Seleznev, *Kanto*),

— . . — . . — .

isto é, uma forte seguida de duas fracas.

Ha ainda: os *jambos* ( . — ), os *anapestos* ( . . — ) e os *amphybrachos* ( . — . ), cujos exemplos são, respectivamente:

*"Ne povas mi, ĉar multe mi suferis"*

. — . — . — . — . — .

(Nauman, *Mi amis vin*)

*"Floro falis ankoraŭ! sekiĝis herbero kaj*

. . — . . — . . — . . — . .

*mortis"* (Langlat, *Al la memoro de*

— .

*Wasnieski*)

*"Malicon mi vidas tra ĉiu rideto"* (Lojko, *Profeto*):

. — . . — . . — . . — .

Podemos citar igualmente as combinações multiplas, que se fazem substituindo pés semelhantes entre si (do mesmo numero de syllabas), por ex.: um verso dáctylo ( — . . ) e o seguinte anapesto ( . . — ) ou amphybracho ( . — . ).

Lembremos, além disso, a *cesura* ou *pausa*, que existe na poesia de todas as nações: sabe-se que a cesura consiste em fazer cahir o fim duma palavra em determinado logar, que é fixo, no verso. Um bom exemplo, em portuguez, é o verso decasyllabo, onde a cesura cae na sexta syllaba, ex.:

"Do seu fastigio azul, serena e fria" (R. Corrêa, *Vesper*).

O verso em Esperanto póde ter ou deixar de ter cesura. Note-se que esta se colloca sempre após o accento que fórma o meio do verso, isto é, após a syllaba fraca final, que segue o accento tonico do meio do verso. Ex.:

*"Tra densa mallumo briletas la celo"* (Zamenhof, *La Vojo*).

A cesura, ou pausa, faz-se após a palavra *"mallumo"*; é como se fossem dous versos, os quaes se tem em geral a tendencia de destacar, embora se deva ler ao correr, como prosa:

*"Tra densa mallumo*
*Briletas la celo."*

Já o verso seguinte dessa poesia não tem cesura:

*"Al kiu kuraĝe ni iras."*

*
* *

Devo chamar a attenção agora para alguns pontos capitaes.

1) Não se faz ellisão de vogal para agglutinal-a á primeira syllaba da palavra seguinte, como em portuguez, ex.:

Foram-se os deuses, foram-se em verdade" (Alberto de Oliveira), verso no qual *se os* representa uma syllaba unica, e bem assim *se em*. Assim, no verso:

*"Ne riproĉu la sorton, ho, juna animo"* (Seleznet)

não podemos ler como uma só syllaba: *ho-ju*, nem ellidir o *a* de animo, lendo *jun'animo*.

2) Só se faz ellisão do *a* do artigo *la*, e do *o*, terminação final do substantivo singular, só e exclusivamente. Assim mesmo, o *a* do artigo *la* só em dous casos: ou antes de palavra começando por vogal, ou depois de preposição monosyllaba terminando por vogal, ex.: *de, ĉe, tra*. Outra qualquer letra, como o *e* do adverbio, ou o *a* do adjectivo, etc., não póde ser supprimida, nunca, nem o *on* do substantivo accusativo. Assim:

*"L'espero, l'obstino, kaj la pacienco"*

e tambem:

*"Sufiĉe! Trankviliĝu de l'batado,*
*Ho mia kor'!"*

Quanto á rima, faz-se como nas outras linguas, sem nada de especial, havendo tambem rimas *pobres* e *ricas* (como em toda a parte), por ex.: rima de *arbaro* com *homaro* é pobre, pois são palavras derivadas com um suffixo; *arbaro* poderia rimar bem, sem empobrecer o verso, com *baro* ou *maro*, etc.

O assumpto é vasto, e o espaço exiguo. Leiam os candidatos ao Parnaso as producções dos nossos bons poetas, repito. Nellas encontrarão as regras usadas na linda arte cultivada na famosa montanha da Phócida. E em se tratando de montanhas symbolicas, que são sempre verdejantes, nenhum outro idioma se presta para essa cultura mais do que a harmoniosa e genial criação de Zamenhof.

PORTO CARREIRO NETO.

## S-ro Enrique Legrand

Akompanata de siaj edzino kaj filino, veturante al Eŭropo, pasigis kelkajn horojn en nia haveno S-ro Enrique Legrand, tre konata urugvaja samideano, kiu okupas ĉe la Internacia Centra Komitato la oficon de reprezentanto por la Suda Ameriko.

Komisiono konsistanta el F-ino Yrany Baggi de Araujo kaj S-roj A. Couto Fernandes kaj Carlos Domingues, en la nomo de B. L. E., ilin vizitis surŝipe kaj deziris al ili bonan vojaĝon.

## BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

BILANCO PREZENTITA DE L'KASISTO AL LA ĜENERALA KUNSIDO OKAZINTA JE 31 DE MAJO 1929 KAJ RILATA AL LA PERIODO DE 1 JULIO 1926 ĜIS 31 DECEMBRO 1928

| | | |
|---|---|---|
| Saldo je 30 Junio 1926 | 1:143:910 | |
| Kotizajoj | 670$000 | |
| Subvencioj ricevitaj de la Ministerio de Interno | 3:000$000 | |
| Saldo de la 8ª Kongreso | 702$180 | |
| Vendo de libroj kaj propagandiloj | 472$400 | |
| Honorarioj por la eldonado de "Diccionario de Esperanto" de Tobias Leite | 129$800 | |
| Presado de "Brazila Esperantisto" | | 2:410$000 |
| Aĉetado de libroj, jurnaloj kaj propagandiloj | | 1:244$400 |
| Poŝtelspezoj kaj telegramoj | | 342$430 |
| Aĉetado de materialo kaj malgrandaj elspezoj | | 364$600 |
| Konservado kaj asekuro de la sidejo | | 827$200 |
| Elspezoj je reprezentado | | 206$000 |
| Kotizajoj al la "Konstanta Reprezentantaro" kaj Kongresoj | | 366$700 |
| Saldo je 31 Julio 1928 | | 356$960 |
| | 6:118$290 | 6:118$290 |

Rio de Janeiro, 31 Majo 1929.

*E. Felix Tribouillet*
Kasisto.

## URUGVAJA KRONIKO

*Montevideo.* En la kunvenejo de "Esperanta Junularo" (adr.: Cerro Largo 1534), daŭre okazas ĉiusemajna amika kunveno, tre ofte vizitata de fremdlandaj samideanoj.

— Ĉe la "Agrupación Católica León XIII" (adr.: Minas, 1383), en ties Vesper-Lernejo s-ano Zeballos Morales gvidas esp. kurson. Jam en pasinta jaro kurso estas klarigita. La komitato de tiu grava asocio decidis la enmeton de esp. instruado en la oficialan lernokursaron de la lernejo, samrange al la aliaj lingvoj instruataj, konsentinte la utilecon kaj bonkvalitojn de nia helpa lingvo. Ĉiuj kursoj de la lernejo funkcias senpage kaj speciale destinitaj al laboristoj, komizoj kaj oficistoj.

— Oni anoncis esp. kurson ĉe la socialista ejo "Centro Germinal", baldaŭ komenciĝontan, al kiu jam sin anoncis partoprenantoj. Esperebla tio estos ekpaso al esp. agado en la loka socialista sfero. Gvidos s-ano Casas.

—⊙—

## BRAZILA KRONIKO

Maranhão. — *S. Luiz.* — La 5an de Januaro mortis la tre fervora esperantisto, S-ro Domingos Perdigão, ĉeffondinto kaj prezidanto de *Grupo Esperantista "Couto Fernandes".*

Ceará. — *Fortaleza.* — "Jornal do Commercio" publikigis artikolon pri "Esperanto kaj Turismo".

Parahyba. — *Parahyba.* — S-ro Oseas Silveira, profesoro de la Komerca Akademio Epitacio Pessoa, skribis al ĝia direktoro, Prof. João Coelho, petante ke li permesu la malfermon de kurso de Esperanto, kiun li mem direktos. Tiu propono estas unuvoĉe akceptita de la profesoraro, en kunveno okazinta la 1-an de Aprilo lasta. S-ro Oseas faris tuj paroladeton, kiun ĉeestis granda nombro da gelernantoj kaj malfermis la kurson, kiu estas bone vizitata.

Loka ĵurnalo aperigis artikolon pri "Parolantaj Filmoj kaj Esperanto".

— Vizite al sia familio pasigis kelkajn semanoj en tiu ĉefurbo S-ro Tavares Cavalcanti, fervora ano de "Montara Esperanto-Klubo". Li profitis la okazon por propagandi nian karan lingvon.

Pernambuco. — *Recife.* — Revenante al Polujo S-ro Prof. Odo Bujwid ricevis surŝipe la viziton de nia fervora samideano S-ro Sebastião de Albuquerque, kaj kune kun tiu ĉi li vizitis la urbon, kiun li tre ŝatis. La ĵurnaloj: "Diario da Manhã", "Jornal do Commercio", "Diario de Pernambuco" kaj "Jornal do Recife" priparolis pri tiu okazintaĵo. Tiu ĉi gazeto aperigis ankaŭ artikolon pri Esperanto.

Espirito Santo. — *Victoria.* — "A Gazeta" transskribis la bonan artikolon aperintan en "Estado de S. Paulo" sub la titolo "La songô kaj la realaĵo de la klera Zamenhof".

Ŝtato Rio de Janeiro. — *Petropolis.* — "O Escoteiro de Petropolis", oficiala organo de la "Protektanta Asocio de la Petropolisaj Skoltoj", kies prezidanto estas S-ro José Couto Fernandes, unu el la fondintoj de *Brazila Klubo Esperanto,* publikigis longan artikolon por "Skolta Heroldo". La redaktoro de tiu gazeto estas S-ro Affonso Couto Fernandes kaj sekretario S-ro Ĉeftrupestro R. K. Jensen, ambaŭ simpatiaj al Esperanto.

S. Paulo. — *S. Paulo.* — "O Estado de S. Paulo", tre grava ĵurnalo, publikigis diversajn artikolojn por Esperanto. Ni citas la jenajn: "Sola kaj internacia lingvo por la radio kaj la parolanta filmo" (Korespondaĵo el Germanujo") kaj "La sonĝo kaj la realaĵo de la klera Zamenhof".

— Post longa forestado revenis al tiu ĉefurbo la malnova kaj fervora esperantisto S-ro Frederiko Mayerhauser. Ĉar li restados definitive tie, certe li multon faros por Esperanto. Jen estas lia adreso: *Hospital Allemão, Rua 13 de Maio 365, S. Paulo.*

S. Catharina. — *Florianopolis.* — S-ro Egon Schaden, filo de nia malnova samideano S-ro Francisco S. Guilherme Schaden, prezidanto de "Esperantista Rondeto Verda Stelo", fondis *Gimnazian Esperantistan Rondeton.* Ni deziras ke li bone sukcesu en sia propagando.

Rio Grande do Sul. — Okaze de sia vizito al tiu Ŝtato S-ro Prof. Odo Bujwid vizitis la grupojn: "Verda Stelaro" kaj "Sud-Brazila Esperantistigilo" kaj interparoladis kun la malnova esperantisto S-ro Francisco V. Lorenz, kiu loĝas en S. Feliciano.

La bonega radiorevuo "Radio para todos", kies direktoro estas nia malnova samideano S-ro Benjamin Camozato, prezidanto de "Sud Brazila Esperantistigilo", publikigas ĉiunumere sub la titolo "Radio kaj Esperanto", bonajn artikolojn por Esperanto.

Minas Geraes. — *Bello Horizonte.* — D-ro Teixeira de Freitas, direktoro de la *Generala Statistikservo de Ŝtato Minas Gersea,* propramove konkludinte, laŭ la propagando farata de "Montara Esperanto-Klubo", ke

estus utile al la Ŝtato kaj al la tuta Brazilo diskonigi per Esperanto iliajn belaĵojn, statistikojn, k. t. p., komisiis al oficisto, S-ro José Guimarães Rosa, medicinstudento, la taskon fari la eksterlandan korespondaĵon uzante nur Esperanton. S-ro Rosa tuj interrilatiĝis kun la loka klubo, al kiu li aliĝis.

Multaj leteroj, ĉiuj redaktitaj en la lingvo internacia, jam estas senditaj eksterlanden en kovertoj kun la surskribo: Internacia korespondado en Esperanto.

D-ro Teixeira de Freitas, dezirante aranĝi esperantan bibliotekon en sia oficejo, mendis pere de S-ro João Vianna, sekretario de M. E. K., grandan kvanton da esperantaj libroj.

Li ankaŭ intencas publikigi ilustritan gvilibreton en Esperanto pri Ŝtato Minas Geraes, kiu estos disdonata pere de U. E. A. kaj Brazila Ligo Esperantista, al kiuj li aliĝis la departmenton, kies direktoro li estas. Li ankaŭ aliĝis persone al la loka klubo.

Lastatempe, li direktis al D-ro Helio Lobo, direktoro de la "Bulteno de la Ministerio por Eksterlandoj Aferoj" peton publikigi en Esperanto resumajn statistikajn informojn pri Minas-Geraes nun prilaboratajn de li.

— Lo 20an de Januaro M. E. K. elektis sian novan estraron, kiu konsistas el: Prez., S-ro Ary Theodolindo; sek., S-ro João Vianna; kas., F-ino Maria José de Azeredo Penna kaj bibl., F-ino Celina Coelho.

Diversaj kunvenoj de tiu klubo okazis ĉe la luksa salono de "Academia do Commercio de Minas Geraes", ĝentile cedita de ĝia direktoro S-ro Prof. Tito Novaes, dum kiuj paroladis F-inoj Celina Coelho kaj Maria José Penna kaj S-roj Leŭtenanto Nestor Cravo, João Vianna, Ary Theodolindo, José Mario Senna kaj Archimedes Pinto Coelho.

S-ro Abel Gomes, el Porto de Santo Antonio, donacis al la Biblioteko de la klubo diversajn esperantajn librojn kaj S-ro Luiz Gonzaga Alves Pereira, redaktoro de "Illustração Mineira", kolekton da poŝtkartoj ricevitaj el ĉiuj partoj de l'mondo de sia patro Prof. Arthur Napoleão.

— Grava filmentrepreno nomata "Libertas Film", kies direktoro estas S-ro José Antonio da Silva, eldonas de tempo al tempo jurnalfilmojn, kiuj entenas parton kun portugallingva propagando pri Esperanto.

— Subskribis ankaŭ la proponon prezentitan de S-ro João Vianna al la *Dua Brazila Edukada Konferenco, okazinta en Bello Horizonte*, da jenaj personoj: Prof. Alexandre Brigole, eksdirektoro de Franca Liceo; D-ro Fernando Magalhães, universitata profesoro kaj membro de Literatura Akademio; F-ino Alice Sarthou, el la Brazila Ruĝa Kruco; Leŭtenanto D-ro Alvaro Alvares Pinto, prof. de la Agronomia kaj Veterinara Lernejo; D-ro Magalhães Drumond, ŝtata deputito kaj prof. de Jura Fakultato; D-ro H. Marques Lisboa, prof. de la Medicina Fakultato, kaj aliaj.

*S. João d'El Rey.* — S-ro Lincoln Martins Vianna, lernanto en "Gymnasio Municipal S. Antonio", propagandas Esperanton inter siaj kolegoj kaj baldaŭ faros paroladon pri tiu lingvo.

Rio de Janeiro — S-ro A. Couto Fernandes remalfermis sian kurson ĉe la Federacio de Brazilaj Skoltoj, kiun ĉeestis multaj skoltinstruistoj. S-ro Azambuja Neves, prezidanto de la Federacio kaj direktoro de la lernejo, fariĝis ano de Brazila Ligo Esperantista.

La estraro de "Unuiĝo de la Brazilaj Skoltoj" rekomendis al la partoprenontaj ĉe la Universala Ĵamboreo, ke ili lernu la helplingvon Esperanto antaŭ ilia forveturo al Eŭropo. Bedaŭrinde pro iliaj laboroj kaj skoltaj ekzercoj tro malmultaj komencis la lernadon de Esperanto.

Tamen unu el la ĉefuloj, S-ro David de Barros, fervore lernas ĝin por ke li povu ĝin uzi dum la ĵamboreo. Li jam aliĝis al Skolta Esperantista Ligo.

Ĉar estas preskaŭ certe ke D-ro Carlos Domingues, prezidanto de B. K. E., ĉeestos la 21an Universalan Kongreson de Esperanto kaj veturos sur la sama vaporŝipo kiu kondukos al Eŭropo la brazilan skoltaron oni povos ankaŭ diri ke ĉe la fino de la vojaĝo multaj skoltoj estos kapablaj kompreniĝi pere de nia kara lingvo.

— Remalfermiĝis la kursoj direktataj de F-ino Esther Bloomfield, unua sekretario de Brazila Klubo "Esperanto".

— Pere de la sekretario de l'japana ambasadoro kelkaj gimnazianoj el Tokio sendis al B. L. E. leteron akompanatan de diversaj poŝtkartoj kaj fotografaĵoj el Japanujo kun la peto pri listo de brazilaj esperantistaj gimnazianoj. Plenumante tiun peton B. L. E. sendis ankaŭ kelke da poŝtkartoj kun fotografaĵoj el Rio de Janeiro.

"Jornal do Commercio" kaj "Correio da Manhã" publikigis tradukon de la letero el Japanujo.

— Prof. Odo Bujwid, dum vojaĝo, kiun li faris al la Sudaj Ŝtatoj, vizitis la lokajn grupojn en P. Alegre kaj Pelotas. Revenint̲e al Rio de Janeiro li vizitadis la sidejon de B.

L. E., al kiu li donacis plurajn ekzemplerojn de la bela "Gvidlibro pri Pollando kaj Dantzig" kaj de la lastaj numeroj de Pola Esperantisto.

Pere de Esperanto Prof. Bujwid verkis artikolojn por la ĉiutagaj ĵurnaloj pri la flava febro kaj malario. Laŭ lia opinio ne estas nun en Brazilo epidemio de tiu malsano.

La 4an de Majo okazis en la Pola Legacio teo dediĉita al B. L. E. kaj al la brazilaj kuracistoj kiuj helpis Prof. Bujwid en liaj laboroj.

Plenuminte sian taskon en Brazilo revenis al Polujo la simpatia Prof. Bujwid, al kiu ni deziras bonan vojaĝon kaj baldaŭan revenon al nia lando.

— Revenis al Rio de Janeiro Prof. Alfred Agache.

— Diversaj artikoloj por kaj pri Esperanto aperis en la jenaj ĵurnaloj. "Jornal do Commercio", "O Globo", "Jornal do Brasil", "Correio da Manhã", "A Noite", "O Jornal", "O Paiz", "Careta" kaj aliaj.

"Medicamenta" transskribis la artikolojn de Prof. Bujwid pri la flava febro.

"Leitura para todos" daŭrigas la publikigon de la "Paroladoj" de S-ro E. Aisberg tradukitaj de S-ro Couto Fernandes.

A. C. F.

## Sid Chaplin e os films falados

O importante jornal tcheque "Narodni Leity" publicou, no dia 11 de Fevereiro ultimo, uma carta do conhecido Syd Chaplin, na qual elle explica detalhadamente o problema dos films falados.

Entre outros pontos interessantes dessa carta destaca-se um que interessa aos esperantistas.

Eil-o: "... Até então os films americanos têm conseguido viajar em todos os cantos da terra... "Mas agora difficuldades linguisticas, que impedem que se comprehenda o film americano, por exemplo, na França e na Allemanha, farão com que outras nações fabriquem films falados proprios.

**Esta difficuldade só desapparecerá quando se tornar effectivo em todo o mundo o emprego geral do Esperanto.**

*Grava alvoko. La Kristana Esperantista Ligo Internacia* (K. E. L. I.) fondita en la jaro 1911a, bazita sole sur la sankta Biblio, sendependa de eklezia dogmo, dissendas al la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (angle: Young Men's Christian Association), al la Kristana Celado (angle: The Christian Endeavour) kaj al aliaj, alvokon, lerni Esperanton. La tuta Esperantistaro, kiu simpatias kun tiu laboro estas petata, iamaniere helpi, ke la grava entrepreno bone sukcesu. Helpo povas okazi per traduko kaj transdono de la alvoko al kristana societo, per sendo de informo pri interesuloj al K. E. L. I., adreso: Paul Hübner, Pölkenstrasse 4, Quedlinburg (Germanlando), krom tio per monsubteno. Ju pli da helpo, des pli rapide okazos la disvastigo de la alvoko.

## PELO ESTRANGEIRO

### O Esperanto nas escolas

O ensino do Esperanto já foi introduzido em muitas escolas de differentes paizes, a titulo facultativo ou obrigatorio. Por decreto de 18 de Agosto de 1928, o Ministro dos Cultos e da Instrucção Publica da Polonia autorizou o ensino facultativo do Esperanto em todas as escolas onde haja pedido do ensino desse idioma.

Na Austria e na Tcheco-Slovaquia os exames officiaes de Esperanto continuam regularmente e chamam cada vez mais a attenção e o interesse dos meios pedagogicos. Um guia semi-official em lingua slovaca para os exames officiaes da Republica Tcheco-Slovaquia recentemente apparecido em Pressburg (Bratislava) contém igualmente um estatuto de exames de Esperanto, que é facultativo em varias escolas.

### Os congressos internacionaes e o Esperanto

O numero de conferencias e congressos internacionaes que empregam o Esperanto como uma das suas linguas ou como unico idioma de traducção augmenta continuamente. A convite do Escriptorio da Feira de Francfort sobre o Meno, realizou-se na Paschoa do corrente anno uma Conferencia Internacional de Turismo e de Reclame naquella cidade allemã. Os discursos e communicações foram permittidos em todas as linguas nacionaes, mas o unico idioma de traducção nessa conferencia foi o Esperanto.

O proximo congresso da Federação das Associações de Educação terá logar em Genebra, no começo do vindouro mez de Agosto, sob os auspicios da Repartição Internacional de Educação. Tambem nesse congresso o Esperanto será a unica lingua de traducção, admittida em certas secções

### O Esperanto nos Correios

Tendo de se realizar o 21.° Congresso Universal de Esperanto no proximo mez de Agosto, em Budapest (Hungria), o Ministerio dos Correios e Telegraphos hungaro autorizou cursos de Esperanto para os funccionarios que trabalham naquelles serviços.

O Commissaria do Povo dos Correios e Telegraphos da Russia annunciou o apparecimento de varios sellos commemorativos com o texto em

russo e em Esperanto, entre os quaes um sello em memoria de Tolstoi e dous sellos de beneficencia.

**A cooperação e o Esperanto**

A União das Cooperativas Polonezas em Varsovia publicou ultimamente seu relatorio sobre o movimento de cooperação na Polonia em 1927. Para facilitar a comprehensão ao estrangeiro, ella annexou a esse relatorio um resumo em Esperanto.

As mulheres japonezas associadas em cooperativas ha varios annos se utilizam do Esperanto. O centro dessa organização, cuja sédé é em Kobe, publicou, o anno passado, um album sobre a cooperação japoneza com explicações em Esperanto.

**O Esperanto na imprensa technica**

Seguindo o exemplo de outras revistas technicas, o orgão medico polonez "Gastrologja Polska", de Varsovia, publica em Esperanto um resumo dos seus artigos.

**A publicidade e o Esperanto**

Ainda pelo motivo da proxima realização do 21.° Congresso Universal de Esperanto em Budapest, o Escriptorio do Turismo daquella cidade publicou um prospecto em Esperanto, ricamente illustrado, intitulado "Budapest, a rainha do Danubio", bem como um cartaz muito artistico sobre o mesmo thema.

Por occasião do millenio da morte de São Wenceslau, a Commissão do Congresso Internacional Catholico a realizar-se este anno em Praga, fez apparecer um cartaz artistico em Esperanto.

Como todos os annos, a edição do grande catalogo da feira de Francfort para o outomno de 1929 contém uma lista de mercadorias em cinco linguas nacionaes e em Esperanto. A feira de Francfort serve-se do Esperanto ha mais de dez annos na sua publicidade e na sua correspondencia.

O mesmo fazem outras feiras importantes, como a de Leipzig, Lyon, etc.

**Museu Internacional do Esperanto**

Sob o nome de "Museu Internacional do Esperanto" foi annexada uma bibliotheca de obras esperantistas á grande Bibliotheca Nacional de Vienna d'Austria.

Traduzido do **"Internacia Esperanto-Servo"**, de Genebra (Suissa).

---

## AL LA TUTMONDA INSTRUISTARO ESPERANTISTA!

Preskaŭ ĉiutage oni urĝe petas, aŭ eĉ energie postulas de mi materialon stastistikan pri la temoj *"Esperanto en lernejoj"* kaj *"Esperanto inter la instruistaro"*. Ĉar ne ĉiuj gekolegoj abonis kaj legas nian "Internacian Pedagogian Revuon", mi nun per niaj aliaj esperantistaj gazetoj petas:

1e. Anoncu vin kiel instruistojn esperantistajn sendante vian precizan adreson!

2e. Bonvolu raporti, ĉu en via urbo aŭ vilaĝo oni (ne nur vi persone) iam ajn instruis aŭ hodiaŭ instruas Esperanton en iu ajn lernejo. Skribu la nomon de la koncerna lernejo!

3e. Bonvolu turni vin, se vi bezonas korespondantojn el la tutmonda kolegaro por vi mem aŭ por viaj klasoj (pro internacia kodespondado de l'lernantoj) al ni!

Ni ordigos la korespondan aferon sisteme kaj laŭplane. Cetere ni jam kolektis la adresojn de pli ol 4.000 esperantistaj geinstruistoj el pli ol 50 landoj.

Ricevinte viajn sciigojn, ni kapablos aranĝi kaj doni konfidindan statistikon pri la supre aluditaj temoj, kiu estas *nepre necesa*.

Sendu la materialon al *f-ino Martha Moelke, Sommerfeld, Niederlausitz* (Germanujo), kun kiu mi en "Kunlaboradо" kun IALA, New York, kaj la Instituto J. J. Rousseau, Genéve, zorgos pri la statistiko.

D-ro Dietterle.

---

## Centra Esperanto Librejo

En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la akcia Societo "Centra Esperanto Librejo" en Hago (Nederlando), la bilanco, perda — kaj gajnakonto estis aprobitaj kaj la dividendo fiksita je 6 ½ % (antaŭan jaron 6 %). Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. L. Bruijn.

---

## A. S. Centra Esperanta Librejo en Hago (Nederlando)

En la eksterordinara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Akcia Societo "Centra Esperanto Librejo", okazinta la 20 an de Aprilo, la propono pri la ŝanĝo de la statuto, konforme al la nova nederlanda leĝaro pri la akciaj societoj, estis aprobata.

## ESPERANTA GAZETARO

ESPERANTO EN NIPPONLANDO. Monata revuo. Eldonejo: *Kokusaigo-Kenkjuŝo. Motozono-ĉo, Koojimaĉi Tokio, Japanujo.* Abonprezo: Provnumero... 1 respondkupono. Jarabono... 1,50 jen.

LA DORDRECHTA ESPERANTISTO. Organo de la Dordrechta — Esperanto — Unuiĝo "Tra la Mondo". *Dordrecht. Nederlando.* Red.: *W. Kunnen, Krisp. weg.* 135.

JUNULARA LIGO DE NAGASAKI. Organo de gejunuloj en Nagasaki. *Nagasaki. Japan.*

BALKANA LABORISTO. Monata gazeto de la laboristoj esperantistaj en Bulgarujo. Adreso: *Simeon Petrov ulica "Ŝar planina", N.° 56, Sofia, Bulgarujo.* Abonprezo: 2 sv. fr. aŭ egalvaloro.

LA JUNA BATALANTO. Organo de la Internacia Katolika Junulara kaj Paca Movado. Eldonata de *Mondjunularo Katolika* (MOKA). Ĝi, kiu antaŭe estis aldono al Katolika Mondo, de nun aperas sendepende. Redakcio: *Köln, Dagoberstrasse,* 28. *Germanujo.* Abonprezo: 4$000, kun MOKA-kotizo — 5$000.

LA ROZUMATA KRUCO. Oficiala organo de la Ligo Supernacia de Rozkrucanoj. Redakcio: *Theod. Wilh. Teich, Wilheimstr.* 43. *Rheydt, Rhld., Germanujo.*

—◎—

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

KION VOLAS PANEŬROPA UNIO? Propaganda broŝuro de Paneŭropa Unio esperantigita de D-ro E. Sós. Ĝi entenas ĉion gravan pri celoj, organizacio kaj evoluo de tiu Unio. Al ĉiu ĝin petinta ĝi estos senpage sendata de la *Propaganda Centro de Paneŭropa Unio-Hofburg, Wien I. Aŭstrujo.*

ZITTAU KAJ ĜIA MONTARO. Bela ilustrita broŝuro de propagando de urbo Zittaŭ, kiu kuŝas en la plej orienta anguleto de Saksujo kaj estas la plej granda kaj bela loko de la Saksa Luzacio. Ĝi estas eldonita de Karl Knoll kaj presita ĉe Reinhold Mönch, Zittau.

LA TRAGEDIO DE HUNGARUJO. La plej granda maljusteco de l'mondhistorio. Mallonga ekstrakto el la hungara historio, de prof. Henriko Marczali. Flugfolio eldonita de: Hungara Nacia Federacio. Ĉiu esperantisto ĝin ricevos senpage, se ĝin li petos de: Dr. *Lukács Gyula. VII., Pillangó-u* 13. *III. Hungarujo.*

ESPERANTISTA LINGVA KOMITATO KAJ AKADEMIO. *Raportoj de la Prezidanto kaj de la sekcidirektoroj.* Ĝi enhavas ankaŭ la kalkulon de la Esperantista Akademio dum la periodo: 1 julio 1927-30 Junio 1928.

VIZITU BUDAPESTON. Belilustrita flugfolio de propagando de la ĉefurbo de Hungarujo, kie okazos la 21a Universala Kongreso de Esperanto. Petu ĝin al S-ro P. Balkanyi, ĉefdelegito de UEA: *VI. Hajos = utca* 15. *Budapest.*

POLLANDO KAJ GDANSK. Ilustrita gvidlibro tra Pollando kaj libera urbo Danzig (Gdansk). Eldonita de *Pollanda Esperanto-Delegitaro.* Havebla ĉe: *Eldona Sekcio de Pola Studenta Esperantista Societo. Warszawa, Leszno* 99 *m.* 5 aŭ Administrejo de *"Pola Esperantisto", Kraków, Smolenska* 9. *Pollando.* Belega propangadilo por Pollando kaj Danzig kaj ankaŭ por Esperanto, la gvidlibro ne estas traduko de iu ajn ekzistanta verko: ĝi estas skribita originale, ĉerpante el plej certaj fontoj. Prof. Odo Bujwid havis la ĝentilecon donaci al B. L. E. kelkajn ekzemplerojn, kiujn ni dissendis al la brazilaj esperantistaj grupoj.

AŬSTRIO. Bele ilustrita propagandilo pri Austrujo eldonita de Ministerio por Komerco kaj Trafiko kaj prezentita de *Internacia Esperanta-Muzeo, Wien, Annagasse* 5. *Aŭstrujo.*

MONDEKSPOZICIO por kolonio, navigado kaj flandra arto. *Antverpeno* 1930. Administrado: *Minderbroedersren,* 17. *Antverpeno. Belgujo.*

LA GRANDA PIRAMIDO. Broŝureto kun tre interesaj informoj pri la granda egipta piramido. Senpage sendota de S-ro Morton Edgar, 224 *West Regent Street, Glasgow, Skotlando.*

FRANKFURT AM MAIN. Propaganda folio pri la Printempa Foiro de la 14 ĝis 17 aprilo 1929.

POEZIOJ DE L. L. ZAMENHOF skribitaj en Esperanta Stenografio Duployé-Flageul Eldonejo: 9, *Bd. Voltaire. Issy-les-Moulineaux. Seine. Francujo.* Prezo: 1,50 fr. frankoj. S-ro P. Flageul volonte sendos senpage lernolibron de Esperanta Stenografio al ĉiu leganto de Brazila Esperantisto, kiu ĝin mendos samtempe kun tiu verketo.

RAPORTO DE LA AEROLOGIA OBSERVATORIO DE TATENO. No. 3. Eldonita de la Aerologia Observatorio, *Tateno apud Tutjura (Ibarakiken). Japanujo.*

**Sociedade Anonyma de Viagens Internacionaes (S. A. V. I.)**

(*ANONIMA SOCIETO DE INTERNACIAJ VOJAĜOJ*)

VOJAĜOJ

EKSKURSOJ

TRANSPORTOJ

*Informoj pri hoteloj, vagonaroj, ŝipoj, ktp.*

**Adreso — RUA 13 DE MAIO 64**

Telegrafa adreso — SAVIVAS, Rio de Janeiro

Telefonoj — Central 1381 kaj Central 1382

**Rio de Janeiro — Brazilo.**

---

## Lingua internacional auxiliar

# EXERCICIOS

## adoptados á Grammatica Elementar

— DE —

**A. Couto Fernandes e H. Motta Mendes**

PREÇO: 1$000

EDIÇÃO DA

## BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**RIO DE JANEIRO**

**BRASIL**

---

## KORESPONDADO

S-RO MASUDA FAKEO, *Oosaka, Kitaku, Usimarutyoo* 40, Japanujo, deziras korespondi per P. I. I. gazeto.

S-RO KARL SCHWARZ, *Haindorf, Bez. Friedland, Ĉeĥoslovakujo,* deziras interŝanĝi pk. il. bfl. kaj poŝtmarkojn kun brazilaj samideanoj.

S-RO EMILO CHUDOVA, *Stonava, Silezio. Ĉ. S. R.* deziras korespondi pŝt. kĉl. per L. P I bfl. Skribu multnombre.

S-ro KLEMONS WIECZOREK. *Ratibor. Marienstrasse* 72. *Oberschlesien. Germanujo* — deziras korespondadi kun brazilaj samideanoj.

S-ro JAN MÜLLER, arĥitekturisto, *Cardubice Ŝhroupova* 547, *Ĉeĥoslovakujo,* deziras korespondi pri arĥitekturo, turismo kaj naturo aŭ aliaj temoj.

S-RO KURACISTO KAZYS PETRONIS, *1ki pareikalavimo, Utenas,* (*Lietuva*), proponas interŝanĝadon de P. M. kaj ilustritaj poŝtkartoj kun gesamideanoj.

---

ALIĜU AL VIA LOKA GRUPO, AL BRAZILA LIGO ESPERANTISTA KAJ AL UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U. E. A.)

---

## Livros em e sobre o Esperanto

GRAMMATICAS

DICCIONARIOS

LITERATURA DE VARIOS PAIZES

SCIENCIA, ETC., ETC.

A' venda na séde do Brazila Klubo Esperanto.
**Praça 15 de Novembro, 101, 2.º**

**— — RIO DE JANEIRO — —**

Remettem-se encommendas pelo correio (10 % para porte e registro)

**O pagamento deve ser feito adeantadamente, em vale postal ou carta registrada com valor declarado, dirigida ao presidente do Club — Dr. Carlos Domingues.**

---

## As principaes conquistas mais recentes do idioma auxiliar internacional

# ESPERANTO

**Dados colligidos pelo Engenheiro Luiz Porto Carreiro Neto, secretario geral da B. L. E. e vice-presidente do Brazila Klubo "Esperanto"**

Folheto de propaganda editado pela "**Brazila Ligo Esperantista**"

DISTRIBUIÇÃO GRATUITA